# BULTENO

DE

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

KAJ DE

# SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

(T. V.)

**N° 12. — Oktobro 1928.**

Tiu Bulteno estas sendata senpage al la membroj de I. S. A. E. kaj al la kunlaborantoj de la Sekcio de T. V.

Unu numero : *0,1 dolaro*

Jarabono : *0,5 dolaro.*




*Kotizo al I. S. A. E.*

Vidu trian paĝon de la kovrilo malsupre.

REDAKTEJO :

S-ro ROLLET DE L'ISLE
Ĝenerala Sekretario de I. S. A. E.

**35, Rue Du Sommerard**
**PARIS, France**

ABONEJO :

S-ro C. ROUSSEAU
Kasisto de I. S. A. E.

**32, Grande-Rue**
**ENGHIEN-LES-BAINS (Seine-et-Oise)**
**France**

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(FONDITA EN 1906)

## PATRONADA KOMITATO

(en formado)

APPELL, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, honora rektoro de la Pariza Universitato.

DANIEL BERTHELOT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

BIGOURDAN, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Horo.

DESLANDRES, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Astronomifizika Observatorio.

GUILLAUME, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

JANET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Supera Lernejo de Elektro.

LALLEMAND, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, prezidanto de la Internacia Uniono de Geodezio kaj Geofiziko.

LUMIÈRE (LOUIS), membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

MESNAGER, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PAINLEVÉ, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

CH. RICHET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

EMIL SETÄLÄ, membro de la Finnlanda Scienca Akademio, ministro de la eksteraj aferoj.

J. J. STIELTJES, ĝenerala inspektoro de Nederlandaj Fervojoj kaj Tramvojoj, prezidanto de la « Koninklijk Instituut van Ingenieurs ».

VIKÁR, membro de la Hungara Akademio de Sciencoj.

## ANTAŬAJ PREZIDANTOJ

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PROFESORO SCHMIDT, direktoro de la Magneta Observatorio de Potsdam.

BENOIT, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

PROF. HUNTINGTON, de la Universitato de Harvard (U.S.A.).

J. J. THOMSON, profesoro de Fiziko de la Cambridge'a Universitato.

FORSTER, prezidanto de la Internacia Komitato de Pezoj kaj Mezuriloj.

COTTON, membro de la Franca Akademio de Sciencoj

# BULTENO

DE

# Internacia Scienca Asocio Esperantista

Nº 12. — OKTOBRO 1928

---

## VIVO DE NIA ASOCIO

## NOMARO KAJ ADRESARO DE LA MEMBROJ

### 1e *Novaj membroj aliĝintaj de la 1-a de Junio 1928 ĝis la 1-a de Septembro 1928*

**Britujo**

**Elwell** (F. B.), farmaciisto, 4, Richmond Road, Wanstead, London E. II.
**Mann** (F-ino E. A.), instruistino, 87, Earlham Grove, London E. 7.

**Germanujo**

**Wittenberg** (M.), Esperanta Internacia Komerca Informilo, Kleiststrasse 31, Berlin W. 62.

**Hungarujo**

**Angyán** (D-ro János de), kuracisto, prof. de interna kliniko, Universitato de Pécs.

**Japanujo**

**Kihiko Ono**, ĉe Japana Esperanto Instituto, Tokio.
**Noritaka Mita**, Obihiro-machi, Nishi III-15, Hokkaido.
**Ren'ichiro Ueda**, ĉe Renkichi Okumura, 147 Daido-utchome, Tennoji-ku, Osaka.
**Yasuyoshi Kitamura**, Miyauchi Hachiman-machi, Ŝiga-Ken.

**Usono**

**Gaines** (Prof. Newton), Texas Christian University, en Fort Worth (Texas).

2e *Ŝanĝoj de adreso*

**Atanasov** (Francujo), nun, 22, rue de Paris, Montfort-l'Amaury (S.-et-O.).
**Emden** (D-ro Fr. van) (Germanujo), nun Striefenerstr. 2, en Dresden.
**Kodera** (Prof. R.), nun ĉe Takaoka Komerca Kolegio, Takaoka, Toyama-Ken (Japanujo).
**Liston** (R. G.) (Britujo), nun ĉe Ekberg, 47, Gloucester Road, London N. W. I.
**Mulholland** (Britujo), nun prelegisto pri matematiko, Armstrong College, Newcastle o. Tyne.
**Segaua** (Britujo), nun 78, Fordwych Road, London N. W. II.
**Wolff** (Germanujo), nun 6, Knesebeckstrasse, Charlottenburg-Berlin.

3e *Korektoj*

**Ikeda** (J.), 26, Ŝintatemaĉi, en Kanazaua, Jap.
**Thordarson** (Islando), ne Hordarson.

Ni estas feliĉaj sciigi, ke nia vicprezidanto **Kolonelo V. Inglada** estas elektita kiel membro de la Madrida Akademio de fizikaj kaj kemiaj sciencoj ; je la nomo de ĉiuj niaj membroj ni adresas al nia eminenta kolego plej korajn gratulojn.

La Ĝenerala Sekretario sendis al la membroj de la Komitato, la sekvantan leteron :

Parizo, 2-a VII 1928.

« Kara Kolego,

« Dum Junio lasta ni hazarde sciiĝis, ke, pro la decido de la domposedanto, la ĉambroj, kie troviĝas la **biblioteko de la Centra Oficejo en Paris,** *51, rue de Clichy,* devas esti senprokraste malplenigitaj... Jam kelkaj libroj estis disdonitaj al Esperantaj Asocioj (ekz. I. S. A. E. ricevis tutan aron da ekzempleroj de « Scienca Gazeto ») ; kaj estis timinda, ke tiu altvalora kolekto disiĝu, kaj fariĝu ne plu atingebla de la Esperantistoj.

« Tial S-ro *Rousseau* kaj mi havis la ideon proponi al Generalo *Sébert,* kiu, kiel vi scias, fondis tiun bibliotekon

kaj ĝin riĉigis dum dek-kvin jaroj, ke I. S. A. E. aĉetu la tutan bibliotekon, je la prezo de mil francaj frankoj.

« Generalo *Sébert* akceptis tiun nian proponon, pro kio ni devas esti treege dankaj al li.

« Sed fariĝis necesa trovi rapide lokon oportunan, sufiĉe vastan kaj taŭgan por tiu biblioteko, kies volumenon ni taksis je ok kubaj metroj proksimume; kaj la problemo estis ne facila pro la negravaj monrimedoj de nia Asocio, kaj la manko de loĝejoj en Parizo.

« Post kelkaj rapidaj serĉadoj — ĉar estis urĝa malplenigi la ĉambrojn de la *rue de Clichy* — ni havis ideon fari al S-ro *André Baudet,* prezidanto de la Pariza Komerca Ĉambro, kiu jam tiom multe faris por Esperanto, proponon, laŭ kiu I. S. A. E. oferdonus la kolekton al tiu Kompanio, por ke ĝi estu lokita en ĝia biblioteko.

« S-ro *André Baudet* konsentis, kaj la kolekto estas jam transportita en la vastan hotelon de la Komerca Ĉambro, *Avenue Friedland ;* kaj nun ni laboradas por la ordigo de ĝia katalogo. Ekzistas ŝajne en la tuto kelkaj ekzempleroj de la sama libro : tial ni povos meti la pluajn ekzemplerojn je la dispono de la Esperantistaj Asocioj, kiuj dezirus ilin posedi.

« Mi havas, kara Kolego, la honoron peti vin, ke vi bonvolu aprobi la agadon de S-ro *Rousseau* kaj mi mem. Pro la urĝeco ni ne povis konsiliĝi kun vi antaŭ ol agi. Ni esperas, ke, kiel ni, vi opinios, ke plej bona loko — pri kiu cetere jam aludis Generalo *Sébert* mem — por tiu aro da Esperantaj dokumentoj, estas tiu granda Pariza Biblioteko, kiun aliparte ĉiu povas eniri petante nur permeson. »

S-roj *Bujwid, Cotton, Dietterlé* kaj *Isbrücker* jam sciigis pri sia aprobo. Kaj Generalo *Sébert* skribis : « Mi « estis feliĉa sciiĝi pri la tiel kontentiga solvo, kiun vi suk- « cesis trovi por konservado de tiu kolekto dank' al helpo de « S-ro *André Baudet,* kiun ni devas tutkore danki. »



# UNIVERSALA KONGRESO DE ANTVERPENO

## Ĝenerala Kunveno de la Internacia Scienca Asocio

Ĝi okazis la 6-an de Aŭgusto en la aŭlo de la Supera Komerca Instituto. Partoprenis ĝin 35 personoj.

Prezidas Prof. *Bujwid*.

S-ro *Rousseau* legas raporton de la ĝenerala sekretario, S-ro *Rollet de l'Isle*, kiu forestas kaj senkulpiĝas. Poste li legas la raporton de la kasisto. Ili estas aprobitaj kaj akceptitaj.

S-ro *Stromboli*, esprimante sian kontenton pri la bona financa stato de la Asocio, bedaŭras, ke tamen ĝi ne revenis ankoraŭ al la antaŭmilita stato kun la bela Scienca Revuo, kiu estis la fiero de la esperanta movado. Li denove insistas pri la pliintensigo de la agado kaj precipe pri la plialtigo de la kotizaĵo. Li ankaŭ insistas pri la organizo de apartaj periodaj konferencoj aŭ kunvenoj de la I. S. A. E. por reveki la atenton de la diversfakaj scienculoj al Esperanto.

S-ro *Bujwid* sugestias eventualan organizon de I. S. A. E.-kunveno en *Poznan*, antaŭ la Universala Kongreso de *Budapest*.

S-ro *Zylberstein* proponas kuncentrigon de la agado sur la universitata kaj scienca kampoj, kaj koordonon de la laboro de I. S. A. E. kun tiu de la ekzistantaj jam studentaj aŭ universitataj grupoj.

S-ro Leŭtenanto *Bugge Paulsen (Oslo)* proponas la kunfandon de ĉiuj sciencaj publikaĵoj en unu sola revuo granda.

S-ro D-ro *Blassberg* kontraŭdiras la proponon de S-ro *Paulsen* kaj indikas avantaĝojn de faka dispartiĝo, aldonante ke komuna bulteno ne havos plu la saman intereson.

S-ro *Stromboli* subtenas la opinion de D-ro *Blassberg*.

S-ro *Lechmere* (Anglujo) plendas pri la nuna organizo de kotiza sendo kaj preferas, ke la landaj delegitoj estu samtempe ŝarĝataj de rikoltado de kotizoj por siaj respektivaj landoj.

S-ro *Manson* (Anglujo) rekomendas la kuncentrigon de la diversaj asocioj kaj la starigon de unika kotizo.

Post mallonga diskutado estas proponata, ke oni petu la komitaton de I. S. A. E. restarigi la kotizon akceptitan en *Paris* en 1925, egala al 50 fr. fr. (proksimume 2 dolaroj). Por la altigo de la kotizo voĉdonas 10, kontraŭ 2, la aliaj sin detenas.

S-ro *Vandevelde* raportas pri la propono de S-ro *Muravkin* pri skizo de internacia scienca informservo. Li principe aprobas la projekton, sed opinias ĝin malfacile aplikebla. Li proponas rimedojn por ĝin faciligi. La propono de S-ro *Vandevelde* estas publikigota en la proksima bulteno de I. S. A. E.

Prof. *Baart de la Faille,* fakestro por la botanika terminaro, dezirus, ke I. S. A. E. interkonsentu kun S-ro *Wüster,* kiu faras nune tre grandan laboron per la eldonado de sia enciklopedia vortaro, por la preparo de la speciala botanika vortaro esperanta.

S-ro *Döhler,* kunlaboranto de S-ro *Wüster* por la botaniko kaj zoologio, raportas pri la grandvalora laboro de S-ro *Wüster* kaj deklaras oficiale, ke tiu lasta estas preta helpi S-ron *Baart de la Faille* por la preparo de la teknikaj vortaroj.

Prof. *Bujwid* esprimas la ĝojon kaj gratulojn de I. S. A. E. por la bela laboro de S-ro *Wüster* kaj esprimas la deziron ke la vortara laborado de S-roj *Wüster, Rollet de l'Isle* kaj aliaj estu koordinitaj ielmaniere.

Prof. *Guadet* deziras, ke oni eldonu jarlibron kun nomoj de sciencaj institucioj kaj revuoj, kiuj estas pretaj respondi en Esperanto; plie li proponas, ke oni akceptu la jenan deziresprimon : « Ke, dum la konkursoj por eniri la gravajn lernejojn (sciencajn aŭ teknikajn) de ĉiu lando, la lernantoj, kiuj konas la lingvon Esperanto, ricevu pliajn avantaĝpunktojn, sammaniere kiel tio okazas pri kelkaj sekundaraj naciaj lingvoj. » Ambaŭ proponoj estas akceptataj.

S-ro *Vandevelde* invitas la membrojn de I. S. A. E. al kelkaj interesaj ekskursoj en havenon, ktp.

La kunveno estas fermita je 18 h.

## Postkunsidaj vizitoj

(Raporto de S-ro Vandevelde, belga delegito de I. S. A. E.)

Ĉiuj kongresanoj povis fari ŝipan promenadon en la haveno de Antverpeno; sed por la anoj de I. S. A. E. okazis pli detala vizito de la havenilaro.

S-ro *Van Wetter*, inĝeniero ĉe la haveno, bonvolis nin gvidi, donante franclingve ĉiujn deziritajn klarigojn, kiujn tradukis esperanten la nacia delegito de I. S. A. E.

La haveno de Antverpeno povas esti konsiderata kiel formita je du partoj : unu, la suda, konsistas el 5 kilometroj de kajoj laŭlonge la riverego *Shelde* mem ; tie la nivelo de l' akvo ŝanĝas laŭ la tajdo ; la diferenco de la niveloj estas 4 metroj kaj duono. La alia parto, norda, konsistas el kanaldoko kaj 15 dokoj, kunigitaj kun la riverego per tri kluzoj.

Tiun nordan parton la I. S. A. E.-anoj vizitis ; ĝia nun uzata areo estas 155 hektaroj, kaj ĝia uzata kajlongo 22 kilometroj.

La vizitantoj tre interesiĝis pri la multnombraj perakvaj kaj elektraj arganoj (pli ol 500) funkciantaj sur la kajoj, kaj ankaŭ pri la flosantaj arganoj inter kiuj unu havas levpovon de 150.000 kilogramoj. Ili admiris la grandan nombron da flosantaj grensuĉiloj ; ĉiu el ili povas transverŝi 200.000 kilogramojn da greno pohore.

Pasante antaŭ la sekaj dokoj (riparejoj por ŝipoj), la vizitantoj eksciis, ke la nova seka doko (la deka) povas enteni ŝipojn kies enhavebleco estas 30.000 tunoj.

Forlasinte la malnovajn dokojn, kaj enirinte la kanaldokon kaj la novajn dokojn, je la norda parto de la haveno, la I. S. A. E.-anoj vizitis detale la kalimagazenon, kie oni ricevas per enlandaj ŝipoj, precipe el *Elsas,* kalikloridon poste sendatan ĉu en Eŭropo per vagonoj, ĉu en Amerikon per ŝipoj. Tiuj magazenoj, kiuj povas enteni 120.000 tunojn da salo, estas provizitaj je kulerelevatoroj, transportrubandoj, transportŝraŭboj, kiuj preskaŭ nuligas la necesecon de manlaboro. La longo de la kaŭĉukaj transportrubandoj en tiuj magazenoj estas tri kilometroj kaj duono.

La vizitantoj vojaĝis ĝis la norda finaĵo de la nun ekspluatataj partoj de l' haveno. Tie ili vidis la pretigon de

nova kanaldoko longa je sep kilometroj, larĝa je 300 ĝis 400 metroj, flankumita de pliaj dokoj. En tiun kanaldokon la ŝipoj povos eniri norde per nova kluzo, kies utila longo estas 270 metroj, kaj larĝo 35 metroj ; ĝi estos uzata post kelkaj semajnoj.

Dum la vojaĝeto, la I. S. A. E.-anoj admiris la grandan aron da marŝipoj deĵorantaj laŭlonge la kajoj : pli ol 22.000 ŝipoj eniras la Antverpenan havenon dum unu jaro.

Dum la kongreso la anoj de I. S. A. E. havis la okazon fari aliajn interesajn vizitojn :

1-e. Al la transatlantika personŝipo *Arabic* de la *Red Star Line,* en kiu ili tre interesiĝis pri la maŝinoj, la kaldronegoj, kaj la luksaj instalaĵoj por la vojaĝantoj.

2-e. Al la vastega famkonata fabriko de aŭtomobiloj *Minerva,* kie la maŝinaro kaj ĝia laborprecizeco estas ege mirigantaj kaj admirindaj. La vizitintoj estas ravitaj pri tio kion ili tie vidis.

## PROGRESOJ KAJ SCIIGOJ

En la protokolo pri la ĝenerala kunveno, oni rimarkis proponon de D-ro *Vandevelde* pri I. S. I. S. Jen tiu propono :

La propono de S-ro *Muravkin*, publikigita en la bulteno de I. S. A. E. estas tre grava. Ni nepre devas fari ĉiujn klopodojn por ĝin sukcesigi. Sed ĝi enhavas grandan malfacilaĵon.

Por funkciadigi I. S. I. S. oni bezonas tempon, monon, fervoron, kaj precipe *kompetentulojn ;* ŝajnas al mi, ke tre malfacile oni trovos sufiĉe da fakspecialistoj Esperantistoj, kiuj povos liveri al la centro de I. S. I. S. *taŭgajn* resumojn de ĵus aperintaj artikoloj, post tre atenta legado de nacilingvaj sciencaj ĵurnaloj ; ĝenerale, tiuj kiuj aplikas sciencojn havas apenaŭ la necesan tempon por rapide legi kelkajn artikolojn, kiuj rilatas ilian fakon ; tre malmultaj estas la homoj, kiuj povas dediĉi tempon al nacilingva resumado de tiuj ar-

tikoloj; por bone resumi artikolon, ne sufiĉas ke oni estu iomete kompetenta en la fako al kiu tiu artikolo rilatas; plie, eĉ por vera kompetentulo, fari taŭgan resumon estas laboro ne facila. Se la resumontoj devas esti ne nur kompetentuloj, sed plie Esperantistoj bone scipovantaj la internacian lingvon, ilia nombro estas preskaŭ nulo.

Kiel do ni venkos la tre gravan malfacilaĵon ĉi supre montritan?

Mi opinias, ke la rimedon ni trovos en la tri jenaj rimarkoj:

1) Tiu kiu plej deziras ke scienca studaĵo estu diskonigata en la mondon estas la aŭtoro mem de tiu studaĵo.

2) La plej kompetenta homo por fari vere taŭgan resumon de artikolo estas ankaŭ la aŭtoro mem; por li tia laboro estas preskaŭ ludo.

3) Por traduki sciencan tekston el nacilingvo en Esperanton aŭ el Esperanto en nacilingvon, oni bezonas, krom la scipovo de ambaŭ lingvoj, ian ne tute kompletan kompetentecon pri la rilata scienco.

Jen nun la plano:

1) Oni petos de nacilingvaj sciencaj revuoj, ke la aŭtoroj, kiuj deziras, ke siaj raportoj estu diskonigataj en diversajn landojn, faru mem resumojn *nacilingvajn* de tiuj raportoj; la resumoj estu sendataj al la redaktejo de la revuo samtempe kun la artikoloj; ili enhavu *maksimume* la dekonon da vortoj de la artikolo.

2) La redaktestro de la nacilingva revuo sendos tiujn resumojn al la nacia delegito de I. S. I. S.

3) Tiu ĉi, kun helpantoj se estas necese, tradukos esperanten tiujn resumojn, kaj sendos la tradukojn al la centra oficejo de I. S. I. S.

4) La centra oficestro de I. S. I. S. rekopiigos la esperantajn resumojn por sendi ekzemplerojn al la delegito de ĉiu lando en kiu funkciadas I. S. I. S.

5) La delegito liveros la resumojn al la koncernaj nacilingvaj revuoj, ĉu esperantlingve, ĉu nacilingve.

6) Por ricevi resumojn, la revuoj pagos; la pago por nacilingvaj resumoj estos pli granda ol por esperantaj re-

sumoj ; tiuj ĉi lastaj estos presotaj esperante en la revuo ; la traduko de iu ajn alia ol la delegito de I. S. I. S. estos malpermesata. Nacilingva resumo estos presata nur kun sciigo de ĝia esperanta deveno ; represigo estos malpermesata.

7) En la komenco, la revuoj nenion pagos por liveri al I. S. I. S. nacilingvajn resumojn ; poste, kiam la movado estos en sufiĉa ordo, ili ankaŭ pagos por livero de resumoj al I. S. I. S. Eĉ, oni povus fari rabaton pri la prezo de ricevitaj resumoj al la revuoj, kiuj liveras resumojn.

8) I. S. I. S. havos la rajton ne transdoni resumojn pri temoj, kiujn ĝi taksas ne sufiĉe interesaj, aŭ pri reklamcelaj raportoj.

9) Ĉiuj pagoj estos proporciaj je la nombro da vortoj.

Estas necese, ke mi insistu pri la pago, unue ĉar elspeziga servo ĉiam ŝajnas pli grava ol senkosta servo ; due, ĉar la kompetentaj Esperantistoj, kiuj prenos sur sin la taskon fari la tradukojn ne povus fari tion senpage : estus danĝere, ke I. S. I. S. apogiĝu, eĉ en la komenco, nur sur la fervoro de kelkaj Esperantistoj, ĉar la fervoruloj *persistaj* estas maloftaj, kaj ia ajn ŝanĝo en la vivo de fervorulo povas malhelpi lin daŭrigi la komencitan laboron ; se la funkciado de I. S. I. S., bone komencita, haltus, la fido de revuo poste ne revenus.

Se tradukanto ricevus po cent vortoj unu dekonon da dolaro, tio eĉ ne estus sufiĉa, ĉar de tiu salajro li devus fordoni proksimume la trionon por rekopio kaj sendo ; tio signifas, ke laborinte dum unu horo (tradukinte proksimume 450 vortojn), farinte intelektan, sciencan, lacigan, eĉ tedan laboron, li ricevos por si mem proksimume tri dekonojn da dolaro.

Certe, en la komenco, por ekfunkciigi la aferon, ni ne devas esti tro postulemaj : ni postulu de la revuoj ricevantaj niajn resumojn pagon malpli altan ol tiu kiun iaj revuoj jam donas ; ekzemple : ses cendojn (ses centonojn da dolaro) po cent vortoj de al ili liverita resumo. Poste ni vidos ĉu tiu pago devos esti piialtigita aŭ ne.

Kiel sekvo je tiu propono S-ro *Vandevelde* sendis al la redaktestroj de naŭ belgaj teknikaj revuoj la sekvantan leteron france redaktitan :

« Sinjoroj,

« La sciencaj revuoj klopodas por sciigi al siaj legantoj la novaĵojn publikigitajn en fremdaj landoj. Tiaj sciigoj estas necesaj por la homoj, kiuj deziras esti informataj pri la progresoj ĉu en puraj, ĉu en aplikataj sciencoj.

« Bedaŭrinde, la sperto pruvas ke la celo estas nur tre malkomplete atingata : la laboro *bone* resumi artikolojn de revuoj, kaj precipe tiujn el fremdaj lingvoj, estas ja ĝenerale teda, kaj malfacila. Tial, la *interesaj* resumoj estas maloftaj kaj malfruaj.

« Male, por la aŭtoro mem de artikolo, estas nur ludo fari, en sia propra lingvo, taŭgan resumon kiu bone rimarkigas la ĉefajn punktojn.

« Aliflanke, estas interese por la aŭtoroj, ke iliaj verkoj estu konataj en fremdlandoj.

« Ni supozu ke internacia oficego ricevu de revuoj aperantaj en diversaj landoj, diverslingvajn resumojn, verkitajn de la aŭtoroj mem de la artikoloj.

« Tiu oficego prenus sur sin la taskon traduki la resumojn por sendi ilin, en la dezirata lingvo, al la koncernaj revuoj.

« Tia oficego estas sur la vojo de preparo (Internacia Scienca Inform-servo I. S. I. S.).

« Ĉu vi ne pensas, ke via revuo povus instigi siajn kunlaborantojn resumi iliajn artikolojn, kaj ke vi povus, por ricevi enpresotajn resumojn, vin turni al la dirita oficego ?

« Estas komprenite, ke la respondo kiun mi esperas ricevi de vi ne valorus kiel promeso : en tiu-ĉi momento, nur temas havigi al la iniciantoj de la dirita organizaĵo la principan opinion de kompetentaj personoj, por ke tiuj iniciantoj povu kompletigi sian studadon ».

S-ro *Vandevelde* ricevis kvar jesajn respondojn : inter ili estas du, kiuj petis plian informon pri prezo. Sekve tio estas interesa sukceso. Ni instigas niajn kolegojn — ĉefe delegitojn — pri sama klopodo ; ili konigu al la ĝenerala sekretario la respondojn, kiujn ili ricevos.

La **Franclanda Esperantista Universitata Federacio** organizis kunvenon de universitatanoj en Bruselo ĝuste antaŭ la Universala Kongreso de Esperanto. Ĉirkaŭ 20 profesoroj

kaj studentoj, delegitoj de studentaj kaj universitataj organizaĵoj esperantistaj el 6 landoj, venis speciale Bruselon por ĝin partopreni. Sub prezido de S-ro *Pinty* el Alĝero, estis dum du tagoj (31. 7 kaj 1. 8) pridiskutataj en la salonoj de *Brasserie Flamande* la problemoj de la esperanta movado en universitataj rondoj kaj la preferindaj organizformoj. La konferenco konsentis pri diversaj rezolucioj, el kiuj la plej gravaj estas la kreo de specialaj esperantistaj universitataj organizaĵoj en ĉiuj landoj (kiel sekcioj aŭ ne de naciaj societoj), kaj la starigo (dum la universala kongreso de Antverpeno) de Internacia Komisiono de Universitatanoj por plifaciligi la kreon de tiuj organizaĵoj kaj ilian laboron, ĝis la kreo de Tutmonda Universitata Federacio.

En la **Somera Universitato,** kies prelegoj okazis dum la Kongreso de Antverpeno, pri la ĝenerala temo : « La maro kaj la navigacio », okazis la sekvantaj paroladoj.

S-ro *Le Brun,* direktoro de la kompanio *French Line* en Londono, parolis pri la **komerca navigacio tra la jarcentoj.** Komerca navigacio komencis kiam la homo sentis la bezonon transiri riveron por serĉi vivrimedojn. Ili elpensis floson, poste elkavigitan arbotrunkon. Kiam la homo sukcesis lerte kunigi tabulojn, li naskis la boaton. Moviga povo estis homa forto efikanta per remiloj : poste la vento. La unuaj markomercantoj estis la Fenikoj, kiuj marveturadis de la Mediteraneo ĝis la Baltiko. Pli poste la Norduloj atingis Sicilion kaj verŝajne Nordamerikon. La ŝipkonstruado pliboniĝas, naskas la karavelon per kiu Kolombo trovas Amerikon. Longatempe hispanoj, portugaloj kaj holandanoj regas surmare. Baldaŭ venas la tempo de du aŭ tri ferdekaj ŝipoj uzataj ĝis la mezo de la XIX-a jarcento. La elpenso de la vapormaŝino revoluciigas la marveturadon. Ĉe komenco de la XIX-a jarcento estiĝas linioj de vaporŝipoj. Maŝinoj perfektiĝas, turbinoj, motoroj estas novaj etapoj en la historio de la marveturado kaj ebligas la naskon de gigantaj poŝtŝipoj.

Prof. *Mesny,* direktoro de la Franca Centra Laboratorio de Radioelektro, parolis pri **aplikado de radio en la navigacio.** Post kelkaj vortoj pri la malnovaj amortizaj ondoj, li diris la superecon de la kontinuaj ondoj kaj la gradan malaperon de la unuaj. Li aludis la S. O. S. signalon, la novan

alarmsignalon kaj la aŭtomatajn aparatojn; poste li parolis pri la financaj konsekvencoj, por la ŝipposedantoj, de la evoluo de la radio; pri la decidoj de la Internacia Washingtona Radio Konferenco de 1927; pri la mallongaj ondoj kaj ilia kondiĉa uzebleco per la ŝipoj. En dua parto de sia prelego, P-ro *Mesny* parolis pri la sekvantaj temoj rilataj al Radio kiel navigaciilo: radiogoniometroj; principe, surteraj kaj surŝipaj aparatoj, instalo sur la ŝipoj, kalkulo de la punkto determinita per radiobiroj; radiobirsendiloj: diversaj tipoj, krucigataj kadroj, interfera metodo, radiofaskoj per tre mallongaj ondoj. Poste li prezentis kelkajn ideojn pri la radiotelemovigo kaj ĉefe pri la protekto kontraŭ fremdaj signaloj. Fine li montris la metodojn de produktado de supersonoroj kaj ilia uzado por sondado, submara detekto kaj observado de biroj.

S-ro *Van Schoor* paroladis pri la **Vivo de la maro.** Post kelkaj enkondukaj vortoj, li pritraktis la vegetalan kaj animalan vivon en la maro. Algoj, la plej simplaj inter la plantoj formas preskaŭ la tutan kreskaĵan vivon de l' oceano, kaj precipe sur la marbordoj vivas la algoj. La profunda maro ne konas kreskaĵojn. La preskaŭ tuta animala regno havas reprezentantojn en la mara vivo. Protozooj kaj mambestoj, fiŝoj kaj birdoj, vermoj kaj astropodoj havas multenombrajn specojn reprezentatajn. La preleganto altiras la atenton sur la graveco de la marvivestaĵoj laŭ scienca, laŭ filozofia kaj laŭ ekonomia vidpunkto.

S-ro *Rollet de l'Isle*, eksgenerala hidrografisto inĝeniero de la franca maristaro parolis pri **Hidrografio,** scienco per kiu estas starigataj dokumentoj ebligantaj ke la maristoj navigadu kun certeco kaj sendanĝereco. La ĉefaj estas la markartoj, inter kiuj estas la kartoj, kiuj montras la marbordojn kaj tiuj uzataj en spaca maro; la maristoj laŭiras vojon montritan de rekta linio sur tiuj kartoj, kiun oni nomas loksodromion. Por konstrui tiujn kartojn oni fiksas pozicion de la lokoj per latitudo kaj longitudo; poste oni trianguladas per teodolito kaj desegnas la detalojn per topografio; fine oni serĉas la profundon de la maro en kiel eble plej granda nombro da lokoj per sondado, uzante diversajn metodojn. Pro la ŝanĝo de nivelo de la maro kaŭzita de la tajdo, oni devas korekti la observitajn profundojn antaŭ ol enskribi ilin

sur la kartoj. — En ĉiu apudmara nacio estas Hidrografia Oficejo, komisiita por publikigi tiujn kartojn kaj aliajn dokumentojn nomitajn navigaciajn instrukciojn, per kiuj la maristoj sciiĝas pri ĉiuj detaloj, utilaj al si, kaj kiuj ne troviĝas sur la kartoj. Ĉar ĉiu nacio publikigas kartojn kaj dokumentojn redaktitajn en sia propra nacia lingvo, kaj ĉar la diversaj hidrografiaj oficejoj devas traduki ilin por ebligi ilian uzadon de siaj maristoj, uzo de unu nura lingvo Esperanto alportus grandegan ŝparadon de tempo, laboro kaj mono. Internacia hidrografia oficejo estas starigita por unuformigi tiujn dokumentojn ; estas dezirinde ke ĝi alprenu la solvon donitan de nia lingvo. (Pro neĉeestado de S-ro *Rollet de l'Isle*, tiu prelego estis legata de P-ro *Mesny*).

## SEKCIO PRI LA TEKNIKAJ VORTAROJ

### Raporto prezentita al la Prezidanto de la Akademio

Parizo, la 20-an de Julio 1928.

Altestimata Prezidanto,

Mi havas la honoron prezenti al vi la ĉi-suban Raporton pri la laborado de la Sekcio dum la pasinta jaro.

Bedaŭrinde ĝi ne estas kontentiga ; la nombro de la fakoj pri kiuj oni laboras ne pligrandiĝas, kaj oni konstatas ke multaj el la fakestroj, kiuj kuraĝe entreprenis plenumi tiun taskon, tre malfacile sukcesas daŭrigi sian verkon, pro manko de kunlaborantoj kaj de libera tempo.

Jen la sciigoj, kiujn mi ricevis responde mian kutiman cirkuleron :

*Aeronaŭtiko*. — La eldonado de tiu vortaro estas tute haltigita de la eldonisto, malgraŭ promesoj de subvencio de la militista aeronaŭtika Oficejo de Hispanujo kaj de la Esperantista Scienca Asocio.

*Banko*. — S-ro *Delanoue*, fakestro, kiam li eksciis pri apero de la komerca vortaro de S-ro *Kreuz* opiniis oportune atendi tiun aperon por esplori ĝin kaj nur se necese daŭrigi ellaboradon de la banka terminaro. Multaj slipoj estis pretaj.

*Botaniko.* — D-ro *Baart de la Faille,* fakestro, trovis kunlaborantojn : S-rojn *Ed. Willcoks* (Anglujo), *A. Athanassoff* (Francujo), *Van de Eynde* (Nederlando), kaj klopodas por sciiĝi pri la aperintaj kaj aperontaj terminoj de la enciklopedio *Wüster.* Uzante la sciigojn senditajn de siaj kunlaborantoj, li rearanĝas nun la nederlandan tekston, kiun li jam redaktis kaj submetos la tradukon je la kritiko de la kunlaborantoj.

*Geologio.* — Ni memorigas ke, lastan jaron, S-ro *Obruĉev* eliĝis el sia posteno de fakestro pro manko de tempo; de tiu dato neniu fakisto proponis sin por plenumi tiun taskon.

*Juro.* — Dum la kunveno de la Internacia Societo de la Esperantistaj Juristoj en *Danzig,* la tasko de ellaborado de vortaro de Juro estis komisiita al D-ro *Lippmann,* advokato en *Leipzig.* Aliflanke D-ro *Liebeck* (Berlino), eltiris el la germanaj leĝoj la vortojn kaj parolturnojn speciale juristajn kaj kunmetis ilin ; li intencas verki vortaron germanan-esperantan juristan ; la demando estos prezentata de li al I. S. E. J., en la kunsido, kiu okazos dum la kongreso de Antverpeno.

*Komerco.* — La ellaborado komisiita al la Societo « *Esperanto et Commerce* » ne jam estas finplenumita pro diversaj kaŭzoj el kiuj unu grava estas apero de la komerca vortaro verkita de S-roj *Kreuz* kaj *Mazzolini.* La komisiono, elektita de la Societo, efektive opinias, ke nuntempe ĝia komencita verko estas eble sencela. Ĝi bedaŭras pro la longa tempo, kiun ĝi oferis por diskuti kaj kontroli la naciajn tradukvortojn de sia kunlaborantaro. « Estus dezirinda, ĝi prave aldonas, iom pli da ordo, da metodo, da disciplino... »

*Meblofabrikado.* — S-ro *Karl Fröding,* fakestro, ne trovis ĝis nun kunlaborantojn ; tamen li esperas mem ellabori tiun vortaron kun helpo de kelkaj germanaj lignaĵistoj.

*Medicino.* — Eldonado de la vortaro ellaborata de D-ro *Briquet* daŭrigas en Internacia Medicina Revuo.

*Radiotelefonio.* — Verŝajne la teksto preparita de S-roj *Rollet de l'Isle* kaj *Jouaust* ne estos publikigata pro la samaj kaŭzoj, kiuj haltigis la vortaron de Aeronaŭtiko.

*Stenografio.* — S-ro *Flageul,* fakestro, sciigas ke pro silento de siaj kolegoj la vortaro estas ĉiam en la sama prepara stato.

Ne respondis la cirkuleron la fakestroj de *Abelkulturo, Brulado, Desegno, Kudromaŝino, Librotenado, Muziko, Zoologio.*

Jen ankaŭ kelkaj sciigoj ricevitaj :

S-ro *Thos. A. Southern M. U. E. A.* proponas starigi vortaron por *Ministoj*. La interesuloj pri tiu fako bonvolu turni sin al li : *Ulilcuma, Cyncœd Avenue, Penglan, Cardiff,* Britujo.

D-ro *Liebeck,* advokato kaj notario, aldonis esperantan vortliston al la tabelaro de l' verko « *Urheberrecht* ».

S-ro *Athanassoff* verkis tezon ĉe la Pariza Universitato pri Anatomio kaj Maturiĝo de tritika planto, en kiu troviĝas kelkaj teknikaj terminoj pri *Botaniko.*

Internacia Asocio de la esperantistaj fervojistoj intencas publikigi se eble la *Fervojan Vortaron* verkitan de S-ro *Rosher,* kaj, kiel ni diris en antaŭa Raporto, preskaŭ finitan.

Aperis en la monato de Majo *Komerca Vortaro* de S-roj *Kreuz* kaj *Mazzolini.* En tiu grava verko ĉiu vorto estas sekvata de sia signifo esperante redaktita ; la vortoj estas numerigataj de la komenco ĝis la fino. Estos publikigataj tradukoj en diversaj naciaj lingvoj ; la ordaj numeroj utilos por kunigi la samsignifajn vortojn. Antaŭparolo de S-ro *Kreuz* montras principojn sur kiuj tiu verko estas bazita ; ili estas tute aprobindaj kaj rekomendindaj al niaj kunlaborantoj.

S-ro *Mac Cormick (Dublin)* intencas laboradi pri preparado de vortaro de *Mekaniko kaj Konstrua Inĝenierarto.*

S-ro *L. Funken* (Koblenzo) verkis malgrandan liston de vortoj rilataj al *Biciklo* kaj ĝiaj partoj, kune kun la germana traduko.

Bonvolu ricevi, altestimata Prezidanto, miajn respektplenajn salutojn.

Rollet de l'Isle,
*Direktoro.*

Tiu Raporto estis redaktita kaj sendita al la Prezidanto de la Akademio, kiam mi ricevis la sekvantajn sciigojn.

S-ro *Willy Kalitzke,* fakestro por **Muzikinstrumentoj,** sciigas ke la stato de la vortaro ne aliiĝis kaj ke li ne ricevis iajn demandojn pri tio.

S-ro D-ro *St. Kamaryt,* fakestro por **Filozofio,** skribas : « La laboroj, pri kiuj informis la lastjara raporto, estis daŭrigataj sed iom malrapide, ĉar la estro estis okupita per aliaj tre urĝaj aferoj. Nun li kontrolas la pretajn artikolojn kun la terminoj kaj difinoj kolektitaj en la verko *Lalande, Dictionnaire philosophique, Paris 1926,* redaktitan de komisiono de la Franca Filozofia Societo. »

S-ro *Favrel,* fakestro por **Brulado** kaj **Desegno,** sciigas ke la nuna stato de tiuj fakoj estas preskaŭ la sama kiel la pasintan jaron. Kunlaborantoj mankas ; tamen por Desegno interesaj dokumentoj estas jam kolektitaj.

S-ro *Brunet,* fakestro por **Kudromaŝinoj,** ne sukcesis trovi kunlaborantojn. Tamen li komencis laboradi kaj sendas kelkajn vortojn, kiuj ŝajnas utilaj por tiu metio ; sed li deziras trovi stebilmekanikiston por diskuti la taŭgajn esprimojn.

Nia kolego *Athanassoff* konigas al ni kelkajn erarojn en la teksto donita de ni en la **16-a paĝo de nia II-a Bulteno.** Tiu teksto devas esti : « Jen la koncizita konkludo de tiu tezo : « 1-e. Dank' al la baza lokiĝo de la kreskanta zono, la internodo maturiĝas de malsupre supren kaj malgrade (tre rapide de la bazo al la mezo kaj malrapide pli supren) ; 2-e. La ŝalmo (trunketo) dum sia ankaŭ malgrada maturiĝo (samtempa, sed ne paralela, akcelita) komplikiĝas, solidiĝas, egaliĝas kaj elĉerpiĝas (favore je la grajnoj) de supre malsupren ; 3-e. La mezo de la tria internodo per sia stabileco kaj ekvilibreco, ktp. ».

En la Maja numero de la gazeto **Interligilo de l' P. T. T.,** S-ro *R. I. Filliâtre,* ĝenerala sekretario de I. L. E. P. T. O. (Internacia Ligo Esperantista de la Poŝtaj kaj Telegrafaj Oficistoj), sciigas ke li komencos verki fakan vortaron aranĝitan laŭ la Kabe-metodo t. e. entenantan esperantajn vortojn kaj esprimojn klarigitajn esperantlingve. La verkaĵo estos dividita en ĉapitroj : poŝto, telegrafo, telefono, radio, personaro, kalkulado, monaĵoj. Tiuj ĉapitroj estos siavice dividitaj laŭ fakoj ; tabelo de ĉiuj ĉapitroj kaj fakoj permesos trovi facile la serĉatan vorton. La membroj de la Asocio estas petataj kunlaboradi, per kritiko de la proponitaj terminoj. Oni komencos per la ĉapitro : Personaro.

Centra Presejo Esperantista (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris — Le Gérant : ROLLET DE L'ISLE.

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

## STATUTOJ

1. — La Asocio celas propagandi kaj apliki la internacian helplingvon Esperanto en la sciencaj kaj teknikaj rondoj kaj faciligi ĝian uzadon per ĉiuj rimedoj.

2. — Fariĝas Asocianoj la personoj akceptitaj de la Komitato.

3. — La Asocianoj konsistas el honoraj kaj aktivaj membroj. La aktivaj membroj entenas :

*a)* personojn ;

*b)* societojn kaj korporaciojn,

4. — La honoraj membroj estas elektataj de la Komitato kaj pagas neniun kotizon.

5. — Ĉiuj aktivaj membroj pagintaj la kotizon rajtas voĉdoni pri ĉiu demando.

6. — La Asocion administras Komitato konsistanta el 6—10 membroj elektitaj por du jaroj kaj anstataŭeblaj poduone ĉiudujare.

7. — La Komitato elektas estraron konsistantan el prezidanto, vic-prezidanto, ĝenerala sekretario, sekretario-kasisto.

8. — Ŝanĝoj en la statutoj povas esti decidataj nur se la du trionoj de la Asocianoj akceptas ilin per voĉdono ; sama nombro (2/3 de la Asocianoj) same estas necesa por decidi pri la finiĝo de la Asocio, kaj pri la uzo de la kapitalo restanta.

9. — La Asocio kuniĝas ĉiujare en ĝenerala kunsido. La decidoj alprenitaj de la ĉeestantoj estas konigataj al ĉiuj membroj ; tiuj decidoj estas aplikataj, se ne estas ricevita plimulto da kontraŭdiroj, dum la sekvantaj 3 monatoj.

### FAKAJ SEKCIOJ

10. — Se almenaŭ dek samfakistaj membroj tion proponas al la Komitato, faka sekcio povas esti fondata ; ĝia tasko estas propagandi kaj apliki Esperanton en ĝia speciala rondo.

11. — Faka sekcio povas havi estraron, regularon, bultenon kaj specialan kotizon krom tiuj de la Asocio, sed nur post aprobo de la Komitato.

12. — Faka sekcio kuniĝas almenaŭ unufojon jare.

### FINANCOJ KAJ KOTIZOJ

13. — La kotizo estas fiksita ĉiujare de la Komitato. (1)

14. — La Sekretario-kasisto prezentas ĉiujare raporton pri la financa stato de la Asocio, por aprobo de la ĝenerala kunveno.

---

(1) **Aktiva subtenanta membro** ; jara kotizo : 2,5 dolaroj ; dumviva kotizo : 40 dol.
**Aktiva membro** : jara kotizo : 0,5 dolaro ; dumviva kotizo : 10 dol.
**Societoj kaj Korporacioj** ; jara kotizo minimume 5 dol. ; 20-jara kotizo : 75 dol.
(Oni povas pagi la dumvivajn kotizojn per partaj monsumoj.)

**KOTIZOJ** sendotaj al la kasisto **S-ro Rousseau, 32, Grande-Rue, Enghien-les-Bains (Seine-et-Oise), France.** Por la Francoj : Poŝta ĉekkonto nº 698-55 Paris.

## SCIENCAJ & TEKNIKAJ VERKOJ

Fr. fr.

**Vocabulaire Technique et Technologique Français-Esperanto** (Verax) . 4.—
**Enciklopedia Vortareto Esperanta** (Verax) . . . . . . . . . . . . . . . 12.—
**Provo de Marista Terminaro** (Rollet de l'Isle). . . . . . . . . . . . . 2.50
**Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio** (Rousseau) . . . . . . . 12.—
**Konsilaro por la farado de la Sciencaj kaj Teknikaj Vortoj** (Komisiono de I. S. A. E., direktoro Rollet de l'Isle), 1911 . . . . . . 10.—

(Ĉe la LIBRAIRIE CENTRALE ESPÉRANTISTE, 51, rue de Clichy, Paris.)

**Maŝinfaka Esperanta Vortaro prielementa** (Wüster). . . . . . . . . . . —.—
**Enciklopedia Vortaro** *(I-a kaj II-a parto)* (Wüster) . . . . . . . . . . —.—

(Ĉe FERDINAND HIRT & SOHN, Leipzig.)

**Internacia Radio Leksikono seslingva** (D-ro P. Corret) . . . . . . . . 5.—

(Ĉe Librejo CHIRON, 40, rue de Seine, Paris.)

**Raporta Stenografio**, alfaro de la angla sistemo Pitman al Esperanto (Montagu C. Butler) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . —.—

**Komerca Vortaro** (R. Kreuz kaj Mazzolini) . . . . . . . . . . . . . . . —.—
**Esperanto, 500 komercaj frazoj** (R. Kreuz). . . . . . . . . . . . . . . —.—

(Ĉe VERLAG VON WILHELM VIOLET, Stuttgard.)

**Scienca Gazeto.** — Numeroj : Jaro 1912 : 1, duobla 2-3, duobla 4-5, 6, 7, duobla 8-9, 10, 11, 12. — Jaro 1913 : 13, 14, 14, 15, 16, 17, 18, 19, duobla 20-21, 22, 24. — Jaro 1914 : 26, 27, 28, 29, 30, 31,
Prezo : unu ekzemplero sendata afrankite . . . . . . . 1.50
dek ekzempleroj de la sama numero . . . . . . 10.—
Tuta kolekto t. e. 25 numeroj . . . . . . . . . . . 30.—

**Nomenklaturo de Kemio kaj Vortaro de Kemio** (Komisiono de I. S. A. E., direktoro Rollet de l'Isle), eltiraĵo de « Scienca Gazeto », 1912 . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 2.50

(Mendoj al S-ro ROUSSEAU, 32, Grande Rue, Enghien-les-Bains, Seine-et-Oise, France.)

## TEKNIKA REVUO

**Internacia Medicina Revuo**, jarabono 1 dolaro ; abonejo : D-ro Briquet, 31, rue de la Bassée, Lille, France.

CENTRA PRESEJO ESPERANTISTA (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris.